11a Jaro No. 104. ★ Marto 1914.

Unum ovile et unus pastor.
Unu ŝafejo kaj unu paŝtanto.
(Joh., X, 16.)

# ESPERO KATOLIKA

INTERNACIA MONATA GAZETO, OFICIALA ORGANO de I. K. U. E.

## V-a Internacia Kongreso-Pilgrimo de la Katolikaj Esperantistoj en Lourdes

**(12—17 Aŭgusto 1914)**

**Sub la alta Patronado kaj Honora Prezido de L. E. M. Monsinjoro SCHŒPFER, Episkopo de Tarbes kaj Lourdes.**

**LETERO CIRKULERO.**

## Pri Katolikaj Floraj Ludoj.

Inter la plej ĉarmaj tradicioj, kiujn fidele konservis, kun iliaj harmoniaj dialektoj, la latinaj sud-landoj, unu estas pli speciale kara al ĉiuj amantoj de arto kaj beletristiko: *Ĝi estas tiu de la Floraj Ludoj.*

*„Floraj Ludoj"!* Ĉarma esprimo por signifi „literatura konkurso" ... Je tiu nomo aperas, antaŭ nia ravita fantazio, amaso da konkurantoj, kolektantaj en la kampo de la Belo, de la Bono, kaj de la Vero, la plej belajn garbojn ... Kaj la venkanto, efektive, estas la plej lerta kolektinto, — la feliĉa trovinto de la plej belaj floroj ...

En la jaro 1909, la Organizantoj de la Barcelona kongreso havis la laŭdindan kaj originalan ideon malfermi, por la ĉiulanda Esperantistaro, la partoprenon de Floraj Ludoj.

Kaj tiu provaĵo havis plenegan sukceson: Ĝi alportis: al la Kongreso pluan brilaĵon; al la gajnintoj premiojn donicitajn de la Reĝo de Hispanujo, de la Episkopo de Urgel kaj de Literaturaj Societoj; kaj al Esperanto kelkajn verajn ĉefverkojn.

Ĉar Lourdes sidas en la regiono, kie floradas tiaj konkursoj, kial, ni ankaŭ, imitante la Barcelonan kongreson, ni ne ekprovus fari Florajn Ludojn?

Nia temo? Ĝi estas la plej bela, kiun povas kanti poeto; ĝi estas la temo mem, kiu plej multe inspiris, en ĉiuj kristanaj jarcentoj, la plej famajn artpentristojn en ĉiuj landoj: *la Virgulino Senmakula*...

Ekprenu do vian liron, Esperantistaj poetoj de ĉiuj landoj! Vi kantu, kun la plej fajraj akcentoj, kun la plej harmoniaj agordoj, la Idealan Virinon, la Puran Virgulinon, la Patrinon sendefektan.

Alportu vi ĉiuj al ŝi, en la komuna lingvo, idoj de latinaj, de germanaj, de slavaj kaj de aliaj nacioj la homaĝion de viaj respektivaj talentoj!

Ni ne dubu, ke tiu nova, modesta homaĝio, farota al nia Ĉiela Patrino, altiros sur nian karan movadon kaj sur nian karan lingvon Esperanto novajn benojn, kaj ŝian potencan Protektadon! Nenia gesto de amo estas indiferenta al bona patrino, kiam ĝi eliras el la koro de ŝiaj infanoj...

Cl. C.

## REGULARO DE LA FLORAJ LUDOJ.

1. Floraj Ludoj, t. e. Literaturaj Konkursoj kun premioj, estas malfermataj. La rezultoj estos solene proklamataj kaj premioj disdonataj en Lourdes, dum la V-a Internacia kongreso de la Katolikaj Esperantistoj.

2. Povos ilin partopreni geesperantistoj de la tuta mondo.[1])

3. La temo traktota estas: *la Sankta Virgulino;* la lingvo ekskluzive uzota estas la lingvo internacia *Esperanto,* kreita de D-ro ZAMENHOF.

[1]) Decas, kvankam tio ne estas absolute deviga, ke ĉiu partoprenanto estu aĉetanto de la membrokarto de la kongreso.

4. La oficiala temo proponata de la kongres-komitato, kaj ricevonta la ĉefan premion, estas traktota *per versoj*. (Konsilinda estas, kvankam ni deviga, ke la poezio ne estu tre longa).

5. Aliaj temoj traktotaj *per prozo* povas esti proponataj de personoj, grupoj aŭ societoj, kiuj oferas almenaŭ *du premiojn*. [1])

6. La konkurso estos fermita la 1-an de junio.

7. Ĉiuj kopioj devos esti senditaj al la Redakcio de Espero Katolika : ĉe D-ro SMULDERS en *Udenhout* (Nederlando).

8. La prezento kaj sendo nepre estas farotaj en la jenaj kondiĉoj :

*a.* La kopio estos tre legeble skribita, *preferinde per maŝino.*

*b.* Ĝi portos nenian nomon de aŭtoro, nek indikadon pri deveno, sed *nur devizon* kaj la dezignon „Floraj Ludoj".

*c.* Kun la kopio troviĝos malgranda koverto *zorge fermita*, en kiu, sur folieto, estos skribita la *devizo* kaj la plena *nomo kaj adreso* de la konkuranto.

*d.* Plue la konkuranto aldonos 2 respondkuponojn.

9. Juĝistaro konsistanta el diversnaciaj samideanoj estos starigita *por ĉiu premiota temo.*

10. La 1-an de junio, la Redaktoro de E. K., kiu estos rajte membro de la juĝistaro, kunigos kun almenaŭ du ĉeestantoj la manuskriptojn, kaj sendos la fermitajn kovertojn al la Prezidanto de I. K. U. E., kiu sola, nur *post la juĝo*, rajtos ilin malfermi.

11. Ĉiu juĝisto legos zorge la manuskriptojn, faros klasifikon (laŭ sia juĝo) kaj ĝin sendos *nur* al la Prezidanto de I. K. U. E. (Ĉiu manuskripto estos dezignita de li per la surskribita devizo). Li sendos ilin poste al alia membro de la juĝistaro, *ne komunikante al li sian juĝon.*

12. La 1-a kaj 2-a laŭreato ricevos premiojn. Ĉiu juĝisto povos tamen, por aliaj kopioj, skribi „meritas laŭdon"; kaj *mencioj* (t. e. accessitoj) estos ankaŭ proklamataj en la solena kunsido de Floraj Ludoj, kiam ili estos laŭditaj de la plimulto de juĝistoj.

[1]) Vidu, ĉi-sube, la temon, proponitan de la Ligo de S. Evangelio.

13. La sama persono povos konkuri por diversaj temoj.

14. Neniu povos esti samtempe, por la sama temo, konkuranto kaj juĝisto.

15. La premiitaj kopioj estos legataj en Lourdes dum la solena kunsido de Floraj Ludoj de la aŭtoro, aŭ se li ne ĉeestas de la kongressekretario.

*Grava Sciigo.* — La Ligo de la Sankta Evangelio, per sia Direktoro S-ro Kanoniko GARNIER, proponas du premiojn por la traktontoj de tiu temo: *„La Sankta Virgulino kaj la Evangelio"*.

Estas speciale rekomendita al la traktantoj de prozaĵoj, ne skribi pli longe ol 4 paĝoj de E. K.

7, Rue des Marronniers, Montmagny (près Paris), France.
19-an de Februaro 1914.

Claudius COLAS,
Ĝenerala Sekretario de la Kat. Esp. Kongresoj.

## PETO DE LA KONGRESKASISTINO.

La Kongreskasistino insistege petas, ke oni *plej baldaŭ* sendu la aliĝojn por la Kongreso (2 Sm. po persono; nur unu por la 3-a kaj sekvantaj membroj de l' sama familio).

Tuja aliĝo estas *nepre necesa*, por la materia aranĝo de la Kongreso.

*Nur la nomoj de tiuj, kiuj aliĝos antaŭ la 1-a de junio estos enskribitaj en la Kongreslibro.*

## FERVOJOJ.

Ĉiuj francaj fervojoj faras tre gravajn rabatojn al la Lourdes'aj pilgrimantoj, eĉ *individue vojaĝantaj.* (Tiuj favoroj estas tiel konataj en Francujo, ke, antaŭ kelkaj monatoj, la radikalaj politikuloj kunvenontaj en Pau por sia kongreso, devis, por ĝui rabaton, aĉeti *bileton de pilgrimantoj al Lourdes!!..).*

Laŭ la distanco, la individuaj biletoj ĝuas rabaton de 20 pCt. ĝis 30 pCt.

La individua bileto de Parizo al Lourdes ĝuas: en 1-a klaso: rabaton da 40 pCt.; 2-a klaso: 35 pCt.; 3-a klaso: 30 pCt. (En tiu lasta klaso, la vojaĝo kostas, iro kaj reveno, 56 frankojn).

Grupoj de 25 pilgrimantoj ĝuas rabaton da 50 pCt.

Dank' al nia Kongres-Komitatano S-ro LEFÈBRE, ĉef-oficisto ĉe la francaj fervojoj, la Komitato povos doni la plej detalajn sciigojn pri la fervojoj.

# Oficialaj Komunikoj.

## LETERO DE NIA PREZIDANTO.

*Karaj Gelegantoj.*

Verŝajne kelkaj el vi havas ian temon, kiun vi volus diskutadi dum „Nia Kvina". Se jes, mi petas, ke vi afable sciigu min, — ke vi sendu al mi mallongan resumon de la parolado, kiun vi intencas fari, kune kun la rezultanta deziresprimo. Antaŭ nelonge iu amiko mia sugestis kiel temon diskutindan „La Reunuiĝo de l' Kristanaro ĉefe el la vidpunkto de l' kulto al Maria".

La sugesto ŝajnas al mi tre aprobinda — aprobinda el ĉia vidpunkto — de tiu de la loko (Lourdes) kaj de la okazo k.t.p.

Ĉu eble el miaj gelegantoj iu volus fari ĉi tiun temon la sia kaj pri ĝi paroladi?

Sed kompreneble nia unua devo estas ordigi nian propran domon, kaj do mi devas atentigi vin, ke por diskutadi la aferon de la Regularo ni nepre devas havi sufiĉe da tempo. Pro tio estu la temo kiel ajn grava aŭ diskutinda, ĝi flankeniĝos, se la intereso de la Regularo tion postulas.

Patrick PARKER,
Kilmyshall,
FERNS Co. Wexford (Ireland). [1])

La 20-an de Februario 1914.

[1]) Ĉar ni donis en Decembro ne precizan adreson, notu bone la *korektan* adreson de nia Prezidanto. — *La Redakcio.*

# Katolikaj Misioj.

## Parolado de P-ro BIANCHINI dum „Nia Kvara” en Romo.

*Deus vult omnes homines salvos fieri, et ad agnitionem veritatis venire* (1 Tim. 2:4).

Dio volas, ke ĉiuj homoj estu savataj kaj ke ili alvenu al la kono de la vero. Jen pro tio la Filo de Dio enkarniĝis, suferis, mortis: pro tio Li starigis sian Eklezion, al kiu Li donis la taskon tre noblan konverti la mondon. Tiu ĉi noblega kaj sanktega celo korbatos en preskaŭ ĉiuj paĝoj de la S. Biblio, de la unuaj vortoj de Genezo, ĝis la lastaj de l' Apokalipso. Rapidega ekvido tra la Sanktaj Libroj sufiĉas por nin komprenigi, ke tiu estas la granda desegno de Dio, ke tiu devos esti nia kunlaborado. Permesu al mi, karaj Samideanoj, prezenti al vi: 1. Kelkajn vortojn de la S. Biblio pri alvoko de ĉiuj gentoj al la Fido; 2. Nian devon kunlaboradi por la efektiviĝo de tiu volo de Dio; 3. Kion ni Esperantistoj povas fari por fariĝi utilaj al la Misioj. Mi bedaŭras, ke mi ne povas tuŝi pli ol kelkajn punktojn de tiu ĉi gravega problemo. Mi tamen faros kiel fotografisto, kiu fiksas sur karteto la ĝeneralajn liniojn de granda urbo.

1. *En la komenco Dio kreis la ĉielon kaj la teron. Dio kreis la homon laŭ sia Bildo.* Per tiuj ĉi vortoj la S. Biblio prezentas al ĉiuj popoloj *unu*, *saman* Kreinton, proklamas *por ĉiuj* la devon Lin koni, Lin ami, Lin servi. Tiu ĉi estas la unua artikolo de la Kristana Kredo, la Fundamento de ĉiuj veroj, la kondamno de idolkulto kaj de la herezoj. Tiuj ĉi vortoj entenas la volon de Dio kaj la destinojn de l' homaro. S. Paŭlo en Areopago prezentis kaj lumigis la unuan ĉapitron de la S. Biblio. En la unua adora akto de niaj prapatroj estis kiel en ĝermo ĉiuj adoraj aktoj de la homaro al Dio; en la unua promeso de la Savonto estis promesoj por ĉiuj pranepoj. Al Abramo, Izako kaj Jakobo Dio promesis beni per *Messio ĉiujn gentojn de la tero.* En generaciaroj oni montras la komunan homan devenon,

komunajn promesojn, komunajn esperojn, komunajn devojn. Generaciaroj de la Malnova Testamento deiras de Dio kaj kondukos la homan familion al Kristo, generaciaro de S. Luko per Kristo rekondukos la homojn al Dio.

Tiuj ĉi fundamentaj promesoj de Genezo estas pli detale klarigataj en postaj libroj: *La fremduloj, kiuj ne estas Via popolo, estos altirataj per Via granda nomo kaj Vin adoros, por ke de ĉiuj popoloj de la tero estu konata via nomo* (2 Par. 6, 32 : 33); *ĉiuj limoj de la tero Vin adoros. Malproksimaj nacioj venos al Vi* (Tob. 13 : 13, 14). *Forlasos la gentoj siajn idolojn, kaj venos Jerusalemon adorantoj la Reĝon de Izraelo* (Tob. 14 : 8, 9). *Rememoros kaj revenos al Dio ĉiuj finoj de la mondo kaj kliniĝos antaŭ Vi ĉiuj popolaj familioj* (Ps. 21, 28). *Kolektiĝos kune la popoloj kaj regnoj, por servi al Dio* (Ps. 101).

Sin turnas poste al la popoloj: *Aŭskultu ĉi tion, ĉiuj popoloj, atentu ĉiuj loĝantoj de la mondo* (Ps. 48 : 1 ; Ps. 34). *Oferu al la Sinjoro, popolaj familioj; oferu al la Sinjoro la gloron kaj la imperion* (1 Par. 16 : 28).

2. Karaj Samideanoj, estas do volo de Dio, ke al ĉiuj popoloj estu predikata nia religio. Tiun volon Jesuo-Kristo resumis per vortoj: *Irantaj instruu ĉiujn gentojn, baptante ilin en Nomo de l' Patro kaj de l' Filo kaj de l' Sankta Spirito.*

Estas jam 1900 jaroj, ke Jesuo diris tiujn solenajn vortojn; kaj tiu ĉi ordono dum longaj jarcentoj nenion perdis de siaj virto kaj efiko: ĝi daŭras ankaŭ hodiaŭ laŭ ĝia plena virto, kaj daŭros ĝis kiam estas gentoj savotaj kaj baptotoj. Tiu ĉi estas la celo de Dio de la komenco de la mondo ĝis la fino, estas la eterna volo de Dio, kiu plenumiĝos, kiam antaŭ trono de Dio en la *ĉieloj kolektiĝos granda popolamaso, kiun neniu povos kalkuli, el ĉiuj gentoj, tribuoj, popoloj kaj lingvoj* (Apok. 7, 9). Tiu ĉi estas la misio de la Eklezio. Sed Eklezio ne estas por ni fremda potenco; Eklezio estas *ni mem;* Jesuo-Kristo estas ĝia kapo kaj ni la membroj de la Eklezio. Kiel membroj devas obei la kapon, tiel ni devos obei al Kristo. Sed Jesuo-Kristo komisiis ol ni tiun ĉi *plenumotan taskon.* Dio volis, ke tiu

ĉi estus la laboro de la jarcentoj kaj ke ni estu Liaj kunlaborantoj. Ni do ĉiuj havas gravegan devon kunlaboradi por la konvertiĝo de niaj gefratoj sidantaj ankoraŭ en mallumoj, en ombroj de morto. *Rakontu inter gentoj gloron lian, inter ĉiuj popoloj Liajn mirindaĵojn* (1 Par. 16, 24). *Konfesu kaj laŭdu la Sinjoron antaŭ gentoj* (Tob. 13, 3). *Tial mi gloras vin inter la popoloj, ho Dio* (Ps. 17, 49).

Sed nun ni vidu kelkajn nombrojn. La popolo de la tuta tero estas tiel dividata: Katolikoj 300 milionoj; disiĝintaj Kristanoj 330 milionoj; Turkoj kaj idolistoj 950 milionoj! La katolikoj estas do nur $^{1}/_{5}$ de la tuta homaro. La plenumiĝo de la volo de Kristo estas ankoraŭ malproksima. Kiom da laboro restas ankoraŭ farota! Ankoraŭ preskaŭ milmilionoj da ne baptitoj, al kiuj nenio helpas la meritoj de Kristo. Hindujo, ekz. havas du milionojn da katolikoj, sed la ne katolikoj estos 280 milionoj; Ĥínujo havas unu milionon da katolikoj, sed nekatolikoj estas 450 milionoj; [1]) Afriko havas unu milionon da katolikoj, sed nekatolikoj estas 150 milionoj!

Antaŭ $^{4}/_{5}$ de l' homaro ankoraŭ ne katolika; antaŭ nia pozitiva devo kunlaboradi por ilia savo, ni devas studadi la rimedojn kaj ilin uzadi por venigi al Kristo tiom da milionoj da animoj.

2. Sed por atingi tiel gravan celon, antaŭ ĉio ni devas preĝi. Ni pastroj diras ĉiutage la psalmojn kaj la profetajn paĝojn. Jesuo diris: *La rikolto estas granda, sed la rikoltistoj estas malmultaĵ; preĝu la Sinjoron de la rikolto sendi rikoltistojn en sian rikoltejon.* Kaj laŭ volo de nia

[1]) Noto de la redakcio. — Korektante la presprovojn ni legis en *De Maasbode* (vespereldono de 26 Februaro) detalan oficialan statistikon pri la *Katolikaj* Misioj en Ĥinujo je l' fino de Decembro 1913. Jen kelkaj detaloj: episkopoj 50, europanaj sacerdotoj 1439, ĥinaj sacerdotoj 748, seminaristoj 2214, preĝejoj 7794, katolikoj 1,535,080 (100,170 pli ol en Dec. 1912). — En 1912 la *protestantaj* misioj nombris 5171 europanajn kaj 552 ĥinajn misiistojn; ĥinaj protestantoj: 207,747. — Do de 440 milionoj da ĥinaj enloĝantoj nur 1.535,080 estas Katolikoj, t. e. unu po 280 enloĝantoj; — kaj 207,747 Protestantoj, t. e. unu po 2069 enloĝantoj.

Sinjoro ni diras ĉiutage en *Patro Nia: adveniat regnum tuum, alvenu regno via.*

Al la preĝo necesas aldoni la almozon. Niaj misiistoj estas malmultaj kaj tre malriĉaj. Ili devas vivi, vojaĝadi. Kie ili alvenas, ili devas konstrui domojn, preĝejojn, hospitalojn, orfejojn, lernejojn, apotekojn, laborejojn: ili devas nutri kaj vesti georfojn kaj malsanulojn. Sed por ĉi tio necesas mono. Ne miru: Apostoloj mem elspezis monon dum predikado kaj la novaj kristanaroj donis malavare monon por helpi la evangelizadon de idolanoj (R. 15, 26; 2 K. 1, 2; 9; 11, 9).

Ho gefratoj, permesu, ke mi diru al vi, ke protestantoj mem plej bone komprenas la devon monhelpi la misiistojn. Ĉiujare ili elspezas por misiistoj pli ol 100 milionojn. Ho ve! Ke la koro de la katolikoj estas malpli larĝa ol la koro de la protestantoj! Ni ja ne donas pli ol 8 milionojn! Inter katolikoj oni trovas la monon por la mortiga trinkaĵo; oni trovas la monon por la ludoj; oni trovas monon por la modoj, por malbona ĵurnalo. Por konstrui voluptan teatron, dum kelkaj tagoj, oni trovas centmilojn da frankoj, Sed por la Fido, por Kristana civilizacio, tiuj Eŭropaj sindirantaj civilaj katolikoj nenion donas! Kvankam ni ne postulas de ili ormonerojn kiel en Anglujo, nek dolarojn kiel en Usono. En Italujo sufiĉas al ni nur *kvin centimoj* de ĉiu persono. Kaj nur per *kvin centimoj* ni kolektus ĉiujare preskaŭ du milionojn da frankoj, sufiĉaj por fondi preskaŭ 50 misiajn staciojn, por evangelizadi landon preskaŭ granda kiel Italujo! *Kvin centimoj* inter katolikoj de la tuta mondo: post dudek jaroj oni starigus misiojn pli ol sufiĉaj por baldaŭ kristanigi la tutan mondon. Kontraŭe en Italujo oni donas apenaŭ unu centimon: En Italujo estas 286 Eparkioj, el kiuj 119 ne donas eĉ centimon por la misiistoj! estas kelkaj Eparkioj, kiuj absolute nenion donas; multoj paroĥoj, kie eĉ oni tute ne scias, ĉu ekzistas misia problemo!

Se ĉiu katoliko estus plenuminta sian devon, hodiaŭ la tuta mondo estus katolika. Misiisto skribas: Per 125 frankoj mi povas nutri dum unu jaro enlandan kateĥiston, kiu in-

struus 500 idolanojn. Donu ol mi tiun monon kaj mi donos ol vi 500 novajn kristanojn; unu kristano po 25 centimoj (10 Sd.)!

Nun rapidege ni vidu raportojn de kelkaj landoj. Italujo donas apenaŭ unu centimon por ĉiu persono, malpli ol malgranda Anglujo; malpli el Alzaco-Loreno; Aŭstrujo donas 60.000 kronojn, malpli ol Svisujo, malpli ol Nederlando, malpli ol Irlando; Hungarujo donas nur 5.000 kronojn, malpli ol malgranda Luxemburgo, malpli ol malfeliĉa Portugalujo!

Kontraŭe ni sentas simpation kaj dankemon al Francujo, kiu sola donas trionon de la misiistoj kaj trionon de la tutmonda monhelpo. Estu tiu ĉi malavereco, tiu granda koro por vi, nobla Franclando, baldaŭa repluvego de ĉiuj ĉielaj kaj teraj difavoroj. Estu sur vi, Belgujo kaj Irlando, plej grandaj feliĉoj, vi kiuj, sekvante bonkoron de niaj francaj gefratoj, estas tiel fidelaj al la Krist-Eklezio. Ankaŭ por Germanujo ni sentas simpation kaj dankemon, ĉar ankaŭ nia gefratoj germanaj faras multe por misioj. Notinda la fakto, ke lastatempe katolikoj germanoj, por festeni ilian grandaniman Imperiestron, donis preskaŭ du milionojn da markoj por misioj. Granda, sekvinda ekzemplo, kiu bedaŭrinde ĉe ni ne estas konata!

3. Sed kion ni povas fari por Misioj? Multege. Celo de Esperanto por ni katolikoj estas kaj devas esti defendo kaj difuzo de katolikismo; pro tio: 1e. Ni kunigu propagandon por Misioj kun propagando de Esperanto; 2e. Ni verku en naciaj ĵurnaloj ofte artikolojn pri Misioj; 3e. Por bone koni la problemon misian ni legu ĉiusemajne misian bultenon; 4e. Aŭskultu ni la konsilon, la volon de nia S. Patro, la Papo, kaj abonu al belega revuo *Le Missioni Cattoliche,* tiuj kiuj konas italan lingvon; Francoj, Germanoj, Angloj ankaŭ havas belegajn, interesegajn misiojn bultenajn. Mi devas ankaŭ rekomendi la tre malkaran sed tre gravan verkon de Patro Manna, kies titolo estas *„Operarii autem pauci"*. Ĝi estis rekomendita al ĉiuj de nia S. Patro la Papo mem, kaj entenas ĉiujn instruojn pri Misioj.

Karaj Samideanoj, ni bezonas revekigi Fidon inter niaj

popoloj: kaj por tio la misiaj ekzemploj estas la plej taŭgaj rimedoj. Popolo, kiu konas kaj amas misiojn, iĝos nepre popolo fervora, pia, sankta! Revenante hejmen, neniu el ni permesu, ke en sia patrujo ekzistu urbo, vilaĝo, eĉ familio, kie oni nenion konas pri misia problemo. Ni devas labori por la plenumo de Sofoniaj vortoj, ke *per unu purigita lingvo ĉiuj popoloj voku unu Dion por servi Lin unuŝultre* (Sof. 3, 9); *por ke ĉiuj popoloj per unu lingvo sin voku reciproke al monto Sankta de Dio, al la Domo de l' Dio de Jakobo* (Is. 2).

Gefratoj, ĉiu katoliko havas antaŭ si 5 nekatolikojn, kreitaj por la ĉielo; ili estas niaj fratoj. Pri ili oni demandos nin antaŭ la juĝo de Dio; oni demandos kiel ili estos, kion ni faris por ili. Ve' al ni, se ni respondos al nia Sinjoro, ke per nia egoismo ni lasis ilin perei, ke ni eĉ nenion scias pri ili. Ve' al tiu, kiu rediros al Dio la malbenitan respondon de Kaino!

# La Kikuju-Disputado en la Anglikana Eklezio.

Granda krizo okazas en la Anglikana Eklezio. Ĝia episkoparo, pastraro kaj laikaro estas nuntempe forte dividitaj pri demandoj rilate al doktrino kaj instruado religia, kaj grava breĉo minacas ĝian povon kaj prestiĝon.

Eble ne depost la „Tractarian Movement" — la tempo kiam Kardinalo NEWMAN forlasis la Anglikanan Eklezion kaj fariĝis Katoliko, estas simila malfacileco veninta en ĝian ŝafejon. Oni povas facile klarigi la kaŭzon.

Tri el la Anglikanaj episkopoj — tiuj de Mombasa, Zanzibar kaj Uganda, kies eparĥioj enhavas la Britan parton de Orienta Afriko — aniĝis lastan Junion en konferenco kun la ĉefoj de kelkaj aliaj Protestantaj sektoj ĉe Kikuju (Orienta Afriko), per kio ili penis aranĝi unuitan Protestantan misionan organizadon.

Estis tute kompreneble, ke ili farus tion, ĉar evidentiĝis, ke la Afrikanaj indiĝenoj konfuziĝis pro la multaj specoj da Protestantismo, al kiuj apartenas iliaj deziregantaj pastroj; kaj ili ne povis kompreni, kial la misiistoj Protestantaj, kiuj inter si tiel multe diferenciĝas, volus ilin konverti al Kristianismo; sendube ili demandis sin: Kiom da specoj de Kristianismo ekzistas?

Sed estis alia kaŭzo, kiu necesigis unuitan Protestantan Eklezion en tiu loko: la Mahometanoj estis farantaj aktivan propagandon inter la indiĝenoj, kaj multaj el ili konvertiĝis al la fido de Islamo. La Protestantoj, tamen, komprenante, ke en ilia divideco konsistis ilia senpoveco, nature penis sin unuigi, por ke ili povu kontraŭstari la Mahometanojn, kaj pli facile konvinki la Afrikanojn. Ili sincere kredis, ke la fundamentaĵoj de Kristianismo estas, malgraŭ ĉio, la samaj por ĉiu, kiu nomas sin Protestanto.

Konsente, ili projektis specon de doktrina kodo, aranĝis rutinon, kaj faris diversajn interkompreniĝojn. Fine de la konferenco, la Episkopo de Mombasa, en Presbiteriana preĝejo, donis al ĉiaj ĉeestantoj la Sanktan Komunion (laŭ la Anglikana Diservo). Tiam komencis la malpaco, ĉar la Episkopo de Zanzibar, kiu rifuzis partopreni en la konferencon, alarmiĝis; li ne povis kompreni, kial lia fratepiskopo donus la Sakramenton al personoj, kiuj ne subtenas, kaj kredas, ne nur en la episkopa funkciado, sed kiuj ankaŭ neas multe el la doktrinoj, al kiuj pretendas Anglikanismo: la Episkopo de Mombasa faris gravan malrajton; li estas, efektive, herezulo, diris la Episkopo de Zanzibar; kaj rapide li revenis hejmen, por ke li povu klarigi la gravan aferon al la pastrarestro de Anglikanismo — la Ĉefepiskopo de Kantuario (D-ro DAVIDSON). Tio, en kelkaj vortoj, estas kion oni nomas nuntempe en Anglujo, la „Kikuju Controversy".

La afero estas elvokinta fortan tumulton inter la Anglikanaj ekleziuloj. Ili subite (same kiel ĉiam) dividiĝis pri la leĝeco de la akto, kiun faris la Episkopo de Mombasa, komuniiĝante la neanglikanajn Kristanojn. Tiamaniere la

interkonsento, kiun oni intencis: unuigi Protestantismon Afrike, akcentis ĝian malunuecon Angluje.

Por adekvate kompreni la situacion, oni devas scii iom pri la doktrina kaj rita pozicio de la Anglikana Eklezio. Ĝi entenas du elstarantajn partiojn: la „High Church" (au Ceremoniema Eklezio), kaj la „Low Church" (au Necere-moniema Eklezio). Ili ĉiam diferenciĝas eĉ pri dogmaro la plej grava kaj fundamenta. La „High Church"-pastroj kredas en la Apostolika sinsekvado de Anglikanismo; ke la Episkoparo estas esence necesa por la propra funkciado de la Eklezio: ili estas la memnomitaj Katolikoj de la Anglikana Eklezio; kaj sajnas al ili, ke la amalgamo de Anglikanismo kun neepiskopaj Eklezioj aŭ sektoj reale signifas la forĵeton de la episkopa sistemo.

Ekzemple, al la Episkopo de Zanzibar, kiu apartenas al la „High Church", estas tutkompreneble, ke la Episkoparo estas de Dia origino; ke la sinsekvo de episkopoj estas necesa por la transdonado de la pastreco kaj sekve por la valideco de la Sakramentoj.

Sed la „Low Church" alrigardas la aferon aliamaniere. Ili sekvas, plie aŭ malplie, la doktrinojn de la Reformacio kaj la „Book of kommon Prayer" (la oficiala gvidlibro de Anglikanismo kune kun la Biblio rilate al ĉiaj aferoj dok-trinaj, ritaj k.t.p.). Ĉiu bona Protestanto, diras tiu-ĉi klaso de Anglikanoj, estas membro de la Eklezio de Kristo (de kio laŭ ili la Anglikana Eklezio estas parto); ne multe valoras pri Episkoparo, aŭ ritoj, aŭ dogmaro, kondiĉe, ke ni estas Protestantoj; kaj por multe da ili la ĉefa alprovo de Protestanta Ortodokseco estas — la kunigita kon-traŭstarado kontraŭ Katikolismon kaj la Papon; estas ilia sola ligilo de unueco.

Estos nun facile por kompreni, ke la tasko por lia Ĉef-episkopa Moŝto de Kantuario estas tute ne facila afero.

Se li decidus por la Episkopo de Zanzibar, tri episkopoj kaj multe el la pastraro estos deklaritaj: herezuloj.

Se li decidus por la Episkopo de Mombasa, almenaŭ

unu episkopo kaj pli granda nombro de la pastraro estos kondemnita.

Tamen, kion devas fari D-ro DAVIDSON?

Ne estas stranga afero, ke la „*Ecclesia Anglicana*" estas tiel dividita, kaj ĉiam konfuzata; ne ekzistas en ĝia mezo difinitiva aŭtoritato por difini veran aŭ malveran doktrinon. La Anglikano legas la Biblion kaj konstruas ĝin laŭ sia propra opinio — ne estas grave, se ekzistas du, tri, aŭ dek klarigoj de unu speciala Biblia ĉerpaĵo, ĉar lia Eklezio permesas privatan juĝkapablecon (private judgment) por la klarigo de la Sankta Biblio: li uzas ĝin kaj kun ruinigaj rezultoj.

Anglikanismo, depost ĝia komenco, estas sekve ĉiam la hejmo de Kristanoj, kiuj diferencas inter si pri diversaj kredaĵoj; oni ne multe surpriziĝus nun, kvankam la krizo estas tiel grava.

Tiu-ĉi Eklezio ne scias, kion ŝi devas instrui kiel fundamentaĵojn, kaj ĝi ne pretendas havi (kaj ne volas havi) neerareman finan aŭtoritaton; ĝi ne kuraĝas difini-doktrinon kaj tial ne ekzistas doktrina standardo: ĉiu estas por si la fundamenta aŭtoritato en aferoj religiaj, kaj ĉiuj konsentas inter si diferenciĝi unu de la alia.

Oni diras, ke la Kikuju-disputado partigos Anglikanismon duone, sed ne estas versaĵne; ĝi estas sufiĉe larĝa kaj entena en ĝia religia vidkampo por enhavi Kristanojn, kiuj nomas sin Anglikanojn, sed kiuj diferencas pri tiel gravaj dogmoj, kiel la virgulina nasko de Kristo, Lia Reviviĝo de la morto, la Dieco de Kristo, la Sakramentoj k.t.p.

Estas la eksterordinara enhaveco de Anglikanismo, kiu konservas ĝian strangan unuecon, kaj pro tio la nuna disputado trankviliĝos, sed malfortigos ĝin, ĝis la proksima disputo.

Kio estas la efekto de tiu-ĉi malprecizeco kaj nebuleco de instruado en la Anglikana Eklezio? La nuna rilateco de pensado kaj sentado en Anglujo tuŝante Kristianismon ja montras ĝin klare. Ekzistas grava indiferenteco inter la ordinara Protestanta laikaro; efektive indiferenteco estas la ĉefa trajto de nuntempa Protestantismo en Anglujo. Sed kiu pri tio mirus?

Kiam Protestantaj ekleziuloj ne povas decidi pri la doktrinoj, kiujn ili pretendas instrui, kiel ili tiam atendas influi la neekleziulojn? Dogmo rapide malaperas el la kredo de la nuntempa Protestanta Anglo.

Se la Anglikana Eklezio estontece vivos, estos ne kiel religia, sed kiel humana organismo, ke ŝi influos la mondon; ĉar ŝi estas bazita ne sur la eterna vereco, sed nur sur la Angla leĝo — ŝia oficiala titolo estas: „Eklezio de Anglujo kiel per leĝo fondita".

Intertempe, dum Anglikanismo disrompiĝas, ni, kiuj estas Katolikoj, devas danki Dion, ke ni apartenas al la vera ŝafejo, liberaj de ĉia dubo, konfuzo kaj erareco. La Angla Ŝtateklezianoj estas en urbo de konfuzo, palpe serĉante en la mallumeco la Urbon de Dio, ĉar ili ne faros fronton al vitaj decidotaĵoj.

Patrick DEERING.

LIVERPOOL, 25 Januaro 1914.

---

# Malfrua Raporto pri nia „Katolika Tria". [1])

La katolika Esperantistaro atendadis daŭre de 16 monatoj la oficialan raporton pri la katolika „Tria" en Budapest, okazinta la 19—23 de aŭgusto 1912. El la novembra numero de E. K. ni fine eksciis la malĝojigan fakton, ke tia raporto ne estis verkita. Efektive S-ro COLAS, la agema kongressekretario, ne estas ĉio-pova. Li penadis anstataŭ granda komitato, kaj meritis nian dankon.

---

1) Noto de la Redakcio. — Oni devus esti sentinta la malĝojon de P-ro RICHARDSON kaj de la redakcio de E. K. pro tio, ke spite de niaj multaj klopodoj ne estis eble havigi al niaj legantoj la oficialan raporton de „Nia Tria" en Budapest, — por ke oni povu kompreni nian surpriziĝon kaj ĝojon, kaŭzitan per la ricevo de tiu ĉi artikolo. P-ro KOZMA verkis ĝin propramove kiel privata persono; la raporto do ne estas oficiala, kaj enhavas la individuajn impresojn de la verkinto pri la Budapestaj kongrestagoj. Tamen ĝi aperas kun konsento de la prezidinto Dr. GIESSWEIN.

Ĉar estus bedaŭrinde, se el la historio de niaj kongresoj mankus iu ĉenero, mi provos rememori la kongresajn okazintaĵojn, kaj rakonti al la historiografo de l' estonto, ĉar ĝi eble ne tro interesas la legantaron de E. K. nun — antaŭ „Nia Kvina". Tamen la legantaro de E. K. eble pardonos min pro tio.

La plimulto de ĉeestintaro ĉeestis ankaŭ la „Okan" en Krakovo. Dum la Krakova kongreso — nur en la hungaraj ĵurnaloj mi legis — la katolikaro profitis la okazon protesti kontraŭ la agado de la liberpensuloj, kiuj ofendis la neŭtralecon de la ĝeneralaj kongresoj. La apartan katolikan kunsidon (kiun eble M-sro GIESSWEIN, papa prelato prezidis) aliaj gazetoj ne priskribis, tial mi devis memori pri ĝi. Bedaŭrinde mi tie ne ĉeestis. Miaj malsanaj okuloj preskaŭ malhelpis min ĉeesti ankaŭ Nian Trian. Estis speciala favoro de Dio, ke mi povis ĝui la renkonton kun gefiloj de 14 nacioj, kiuj adoras la saman Dion sammaniere, kaj prezentis malgrandan portreton de nia amata unu, sankta, katolika kaj apostola Eklezio.

Mi alvenis *Budapeston* la 17-an je la 7-a vespere. Junulo kun verda stelo akceptis min ĉe la elirejo de l' „Orienta Stacidomo". Mi ne bezonis liajn servojn, li do akceptis aliajn fremdlandanojn, kiuj venis abunde. Elirinte el la elektra tramovagono, mi staris antaŭ la potenca palaco de kolegio S. Emeriko.

Mi serĉis la pordegon, kiam mi ekaŭdis parolon:

— Ha, Esperantisto, do bonvolu veni!

Kaj jam antaŭiris altstatura viro — S-ro KNAAPEN, se mi ĝuste lin rememoras.

Iomete stranga viro! Ĉagrenulo, malkontentulo, sed samtempe — ĉie-estantulo kaj ĉielaborantulo. Ĉie li ĉeestis, kie oni devis agadi, labori, penadi, ĉie li estis ĉagrenoplena kaj oni devis lin des pli — ami.

La 18-an de aŭgusto: dimanĉe: estis oferita S. Meso en la kolegio S. Emeriko; pli ol 60 da kongresanoj jam ĉeestis; posttagmeze estis la prepara kunsido.

P-ro RICHARDSON ankoraŭ ne ĉeestis. M-sro GIESSWEIN prezidis, kaj post la kunsido mallonga kaj kanto de la

katolika Himno li havis al preskaŭ ĉiu ĉeestinto bonvenajn vortojn — kvankam la nombro de l' ĉeestintaro pli kaj pli kreskis. Neforgesebla piedekskurso sekvis sur la monton GERHARD. Kortuŝite ni staris sur la pinto, de kie la lastan preĝon sendis al la ĉielo la pia episkopo S. GERHARDO, la edukinto de la hungara reĝido S. EMERIKO, antaŭ ol la hungaroj, tiam volantaj repaganiĝi, ĵetis lin en la DANUBON fluantan sub la monto.

Manĝeto sekvis, kiun ni konsumis en la „Kiosk"-o sur la monto. Cigana muziko gajigis nin, kaj post kelkaj minutoj ĉiuj ni estis malnovaj gekonatuloj. La aspekto de l' urbo kune kun la riverego Danubo estis mirinde bela, kaj la geamikoj ne povis sufiĉe laŭdi ĝin. Sed ni havis ne plu la tempon amuzi nin. Ni venis por labori. La ĉiam agema sekretario S-ro COLAS staris kaj faris esperantlingvan paroladon al la ĉeestintaj gastoj, kiun Profesoro D-ro Cirilo VÖRÖS tradukis hungaren. Post la parolado ne volis ĉesi la ovacio. La ĉeestintaro komencis interesiĝi pri la Esperanto, kaj ni kantis „La Espero"-n.

Finiĝis la unua bela tago. Ni iris malsupren. La plimulto en la restoraciojn por vespermanĝi, kelke da amikoj de la prezidanto iris al la ŝipveturejo por akcepti P. RICHARDSON, kiu venis ŝipe el *Vieno*. La mirindan aspekton de l' Danubo mi ne priskribas. En la oktobra numero de E. K. (1912) li priskribis ĝin poete. Ankaŭ nian ĝojon mi ne priskribos, — tio estas tute neeble — kiam ni vidis la bonan mienon, kiu elradiis piecon, fervoron kaj amon. Mi povas konfesi: mi ne konas homon pli simpatian kaj afablan, ol li estis.

Lundon la 19-an de aŭgusto komenciĝis la kongreso. Pri tiu-ĉi komenco mi ne devas raporti detale. Legu la cititan numeron de E. K.: la artikolo de P-ro RICHARDSON rakontos al Vi. Li forgesis nur unu: la aplaŭditan malferman paroladon de si mem, en kiu li fiksis la celojn noblajn de nia movado. Post lia parolado la reprezentantoj de diversaj nacioj salutis la kongreson. Poste ni aŭdis la brilantan paroladon de M-sro GIESSWEIN, prezidanto de la Hungara Pacunuiĝo — kompreneble pri la pacifismo. Oftaj

aplaŭdoj interrompis la paroladon, kiu elmontris, ke la katolikaro devas ne nur aliĝi al la pacifistaj movadoj, sed ĝi devas gvidi ĝin.

La II laborkunsido okazis la saman tagon posttagmeze. F-ino Ida HORNUNG, Aŭgsburg, P-ro SZUREK, Lonczky, kaj aliaj raportis pri la stato de l' kontraŭalkohola batalo, inter kiuj P-ro TELEKESSY kaj S-ro VESZELGYI meritas apartan memoron. Estis decidite, ke ĉiuj klopodu en sia lando starigi katolikan ligon kantraŭalkoholan, kaj tiuj ligoj estu en konstanta interrilato per Esperanto.

Denove ekskurso sekvis. La kongresanoj vizitis la belegan Zoologian Ĝardenon kaj la apudan Urban Arbareton, kaj iris dormi frue, por vekiĝi morgaŭ pli frue ol laŭkutime.

La 20-an de aŭgusto Hungarujo havas nacian feston: feston de ĝia unua reĝo S. STEFANO. Matene je la 7-a ni devis ĉeesti en la reĝa fortikaĵo, kie brilega procesio akompanis la sendifektan Deksteran Manon de la sankta reĝo el la reĝa preĝejo en la t. n. *Matias*-domon, kaj reen. Ni povas esti fieregaj, ke inter la multaj standardoj, kiuj akompanis la s. restaĵojn. troviĝis ankaŭ nia verda standardo, kaj inter la belegaj himnoj sonoris ankaŭ niaj esperantlingvaj kantoj. Post la kisado de la s. restaĵoj la Esperantistaro vizitis la belegan palaĉon de l' reĝo, senloĝantan, ĉar la hungara reĝo (samtempe imperiestro de Aŭstrujo) pli volonte loĝas en *Vieno*, kaj pasigas nur kelkajn monatojn, de kiam li estas pli ol 80 jara, nur kelkajn semajnojn en *Buddpest*.

Posttagmeze okazis nia III laborkunsido. S-ro COLAS raportis pri la internacia organizo de la katolika junularo. Elokvente li elmontris, kiom da profito havos la katolikismo per la bone organizita junularo. La interesoplena parolado kaŭzis viglan pridiskuton, en kiu partoprenis P-ro RICHARDSON, S-ro Benito ULM, kiu tre interesan raporton donis pri la junularo de Aŭstrio, plue S-ro WESELY, S-ro MUDIE, S-ro HÖRL, mi mem proponis disvastigi la Esperanton en la Mario-kongregacioj kaj fari interrilaton per ĝi inter ili. Parolis S-ro STEIER, S-ro KNAAPEN, D-ro P-ro DOMBROVSKY k.t.p. Oni devas rimarki, ke „kiu la junularon havas, havos la estonton“.

Post la kunsido ni rapidis al la haveneto apud la Politeĥnika Universitato. Ŝipe ni veturis en la insulon de S. MARGARETO, kie kunvenis pli ol 320 da esperantistoj. Nia unua vojo estis al la ruinoj de la monaĥinejo, kie vivis kaj mortis la s. filino de la granda hungara reĝo *Bela IV*. Ĉiuj ni estis kortuŝitaj de la sankteco de l' ejo, kaj laŭdis en koro Dion, kiu paŝo post paŝo rememorigis nin, ke niaj eternaj celoj estas atingitaj de multaj, kaj ni ankaŭ povas ilin atingi. En la insula restoracio ni ĉeestis la komunan vespermanĝon kune kun la hungaraj esperantistoj, kiuj venis por havi sian unuan nacian kongreson. Gaje ni kunestis ĝis la malfruvespero.

La sekvinta tago, 21 de aŭgusto, estis neforgesebla por multaj. Matene je la $7^1/_2$ ni ĉeestis en la s. meso de l' unuiĝintaj grekoj. En Budapest troviĝas nur proksime 5—6000 da grekokatolikoj. La preĝejo estas tre malgranda, kaj ne perfekte aranĝita laŭ la deziroj de l' greka rito. (Antaŭ 10 jaroj ĝi estis latin-katolika parohpreĝejo). Tamen la Esperantistaro ne sufiĉe povis miri la belegan grekan riton. La s. meso estis kantita de M-sro Emiliano MELLIS, abatparoĥestro, kun brilega asistenco. La respondojn kaj kantojn kantis la eklezia ĥoro konsistanta el universitatanoj. Dum la S. Meso mi estis feliĉa kanti la „Kredon" (Simbolo de fido) en Esperanta lingvo, kaj ĉiuj ni kune preĝis la Sinjoran preĝon. Estis belega elmontro de l' unueco de l' kredo, ke P-ro DOMBROVSKY, kaj aliaj du personoj — se mi bone memoras F-ino LARROCHE estis unu el ili — prenis la s. Eŭĥaristion laŭ greka rito sub ambaŭ specoj. Post la meso ni kantis la belan kanton: „Ni volas Dion" kaj mi klarigis en kelkaj vortoj la riton kaj la preĝejon al la ĉeestintaro.

Bedaŭrinde ni ne ĉeestis ĉiuj. Multe da kongresanoj, precipe kiuj ne loĝis en la kolegio S. EMERIKO, iris erare en alian preĝejon: en la skizmiĝinta preĝejo sur la bordo de Danubo. Inter tiuj estis ankaŭ P-ro RICHARDSON. La plej varma deziro de lia koro: vidi meson en greka rito, bedaŭrinde, ne plenumiĝis. Ho, kiom li plendis al mi, kiam ni revidis unu la alian en la festsalonego de la *S. Stefano*

*Societo*, kie mi parolis pri la kaŭzoj de la skizmo, kaj pri la revenigo de l' oriento al la Roma seĝo. Nun mi ne volas citi mian paroladon. La esencon de tiu rakontis P-ro RICHARDSON en sia citita artikolo. Eble mi havos la okazon doni la tuton al la katolika Esperantistaro.

Je la 11-a ni ĉeestis la malfermon de la I-a hungara kongreso en festhalo de l' Nacia Muzeo, kaj posttagmeze okazis la daŭrigo de nia IV laborkunsido. Francisko JAMES LANGFORD, nia anglikana amiko, priparolis la temon de reunuiĝo de l' angla eklezio, pri kiu ankaŭ raportis P-ro RICHARDSON en E. K. (Eble li antaŭsentis, ke mankos la oficiala raporto.)

La V laborkunsido estis la krono de ĉiuj. La 22-an de aŭgusto P-ro Aŭstin RICHARDSON paroladis pri la defendado de l' Eklezio kontraŭ la framasonaro. Li prononcis la necesecon de l' internacia organiziteco. Oftaj aplaŭdoj honoris la brilegan elokventecon de l' parolanto. Ne malpli interesa estis la parolado de *Béla Pacz*. Tre estis atentita la parolo de D-ro Cirilo VÖRÖS, kiu pruvis la ekziston de Dio per matematikaj argumentoj.

Post la interesoplena kunsido la kongresanoj vizitis la plej belan preĝejon de Budapest, la S. Stefano-Katedralon, poste la belegan palacon de l' hungara parlamento. Posttagmeze oni ĉeestis en la *Urania-teatro*, kie estis prezentita la teatraĵo de l' hungara verkisto Fr. HERCZEG: „La tri gardistoj", tradukita de F-ino Olga LIEBNER.

La ferma kunsido okazis la 23-an, vendrede. Post la s. meso P-ro PARKER improvizis belegan predikon. En la kunsido estis relegitaj la voĉdonitaj deziresprimoj, kaj post kelkaj solenaj paroladoj fermiĝis la kongreso.

Kaj ni estis malgajaj. Ni domaĝis, ke ĝi finiĝis. Ni pli ŝatus ĉiam kunesti en tiu frata amo.

De post tiam, se mi volas ĝui mian tempon, mi nur revenigas en la memoron la belegajn tagojn de kongreso. Mi rememoras la bonan kaj pian portreton de P-ro RICHARDSON, la bonhumoran kaj tamen seriozan mienon de M-sro GIESSWEIN, mi revidas nian silenteman PARKER kaj la babileman BIANCHINI, S-ron KNAAPEN, laŭ kiu oni neniam

laboros sufiĉe por la Katolik-Esperantista movado, kun la amaso da Esperantistaj Katolikoj, P-ron SZUREK, la ĉiam gajan kaj multajn, kies mi eble forgesis la nomon, sed neniam forgesos la fratan amon.

Johano KOZMA.

# Notoj pri Lourdes

## la lando de mirakloj.

*Daŭrigo.*

IV.

### La Monumentoj.

Por priskribi la monumentojn, mi laŭiras la vojon irantan de la stacidomo ĝis la groto. Unue oni renkontas la ***urban hospitalon***, poste oni eniras la novan bulvardon, sur kiu staras rande hoteloj kaj magazenoj. Maldekstre, oni vidas la ***domon***, ***kie naskiĝis Bernadette Soubirous***, la sepan de Januaro 1844. Ŝi, post la aperoj, kies ŝi estis la feliĉa vidintino, eniris en monaĥinejon de Sankta Gildart en Nevers, kie ŝi mortis en 1879. Oni povas viziti la domon, kie loĝas ankoraŭ familiaj membroj.

Oni transpasas la torenton per la nova ponto kaj oni vidas la ***belegan esplanadon***, kiu kondukas al la Sanktejoj kaj al la Groto. Ĉe la eniro de la parko oni rimarkas la *statuon de Sankta Miĥaelo* kaj *Britanan Kalvarion*. Ĉe la alia ekstremo, bela *statuo de la Senmakula Virgulino* montras lokon, kie okazis en 1876 la solena kronado de nia Sinjorino de Lourdes, farita de Papa Nuncio en la nomo de Lia Papa Moŝto Pio IX, antaŭ grandnombro da ĉefepiskopoj, episkopoj, pastroj kaj cent miloj da pilgrimantoj. Komune oni nomas tiun statuon la Kronita Virgulino.

Dekstre estas senpaga rifuĝejo por la pilgrimantoj malriĉaj. Trans la torento sin ŝtupigas sur la monteto diversaj orfejoj. Maldekstre la urbo kaj la monumento Kalvario. Kontraŭe estas la duoncirko, kies la elegantaj deklivoj ĉir-

kaŭas la preĝejon de la Rozario kaj kondukas al la Bazilikon. La aeraj turoj plaĉe superstaras tiun ĝeneralan vidaĵon.

Irante sub la arkaĵoj, apud la *oficejo de la konstatoj*, kie la kuracistoj atente ekzamenas la mirakulajn resaniĝojn, oni direktiĝas al la *groto de la Aperoj*. Ĝi estas tute surkovrita per multaj lambastonoj kaj aliaj dankaj memoraĵoj; kandelegoj senĉese tie brulas. Ĉiumatene oni faras meson kaj oni disdonas la Sanktan Komunion. Dum la tago, pilgrimantoj povas eniri groton, sed ne ĉiumomente. La statuo de la Virgulino, kiu estas en la Groto, estas farita de skulptisto Fabisch. Maldekstre mirakla fontano, kiu donas minute 85 litrojn, kaj ne malproksime la kranoj de la fontano, la akvujoj por la malsanoj, kaj librejo, kie estas ĉiuj eldonaĵoj pri la mirakloj de Lourdes.

La *Kalvario* superstaras la bazilikon, pri kiu mi parolos en la sekvonta noto. Estas grandegaj haltoj de la Kalvaria vojo, kiuj estas ĉiuj artoplenaj monumentoj. La Kalvaria vojo tute estis finfarita en 1912 kaj dum Septembro de la sama jaro inaŭguraciita de Kardinalo Luçon, ĉefepiskopo de Reims, akompanita de multaj prelatoj. Tie estas admirinda vidaĵo.

Max ROUB.

(*Daŭrigota.*)

## Pri la morto de Patro Richardson.

Al S-ro Paroĥestro DE BOSSEY.

Ni ploru, ho fratoj; la morto kruela
El tero forprenis la patron amatan!
Foriris Richardson al lando ĉiela,
Eniris jam li nun ripozon benatan.

Ni ploru! ni ploru! ĉar orfoj fariĝis,
Ĉar mankos l'Amiko kaj la Kondukanto,
Ĉar buŝo fratiga por ĉiam mutiĝis,
Ĉar vigla ĉeestos ne plu Laboranto!

Ĝis lasta momento, ĝis lasta elspiro,
Fervore, senlace, li volis labori;
Moderna Moizo, progres-pioniro
Sur vojo al venko ni vidis lin morti...

En ĉarma vilaĝo de bela Svislando.
Piede de monto altega, majesta,
Nun dormas la korpo de la batalanto
Je l'ombro ŝatinda de kruco modesta.

Tre simpla, kortuŝa, fariĝis funebro:
Sur ŝtona vojeto ni iris silente...
Fluadis la larmoj el ĉiu palpebro,
Dum lignan la cerkon ni sekvis preĝante.

Tutblanke kovritaj per longaj vualoj,
Vilaĝaj knabinoj pudore marŝadis,
Kaj — pia memoro de l' ĵusaj bataloj —
La verda standardo malgaje flirtadis...

De la sonoriloj la plendoj misteraj
Senĉese sonadis tra l' kampa silento,
Kaj voĉo de l' pastro, en kantoj esperaj
Respondis, per vortoj portitaj de l' vento.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Sed dum en la teron lin oni enmetis,
Dum faris ni al li la lastan saluton
Kaj pro emocio la lipoj tremetis,
Povante nur ĵeti doloran balbuton,

Jen voĉo mistera interne aldiris:
„Ne ploroj, ne larmoj sur korpo mortinta
„Sufiĉas. Ripozon ĉu mi ne eniris,
„L'ekziston la mian bone plenuminta?

„Ekzemplon vi sekvu! Kuraĝo, laboro,
„Senĉesa klopodo por celoj grandegaj
„Jen sole la por mi decanta honoro,
„Jen l'inda konduto de koroj noblegaj!"

El *l'Espérantiste Catholique.* Cl. Colas.

# Bibliografio. [1]

6. A. A. SAĤARO. *Superforta ambicio.* Librejo *Esperanto*, 3 Lubjarski proerd, Moskvo, Ruslando, 1913. Prezo 22 kop. (0.22 Sm.) paĝ. 52.

Tre komika kaj lernigema noveleto. Ĝi rakontas, ke fantaziulo alprenas Esperantan lingvon kiel rimedon por baldaŭ riĉiĝi. Li ankaŭ opinias, ke preskaŭ ĉiu estas esperantisto. Post senreviĝo li forlasas la movadon, tial ke lia malamiko ‚sukcesas en ĝi. Tiel ofte okazas tio-ĉi!

La aŭtoro ne malofte forgesas antaŭmeti la pronomon antaŭ la verbo. Tiamaniere la senco malklariĝas — ekzemple: paĝ. 10.

7. René BECK. *La mistera Sinjorino.* Novelo originale verkita. Tours (Francl.). Librejo Asselin 7, Avenue de Grammont. Prezo: 50 centimoj (20 sd.), 22 paĝ.

Sengusta historieto de malfeliĉa virino, kiu fine sin ĵetas en la akvon kaj dronis.

8. *Primo manuale della lingua ausiliaria Esperanto* — pubblicato per iniziativa della Itala Esperanto-Asocio. 1-a edizione di centomila esemplari. Genova, Salita Pollainoli 13—4.

La kiomeco de l' eldono (100.000) klare montras, ke la Italoj sincere volas sin okupadi pri nia mondlingvo.

9. Hendrik CONSCIENCE. *Kion patrino povas suferi.* Originale verkita en Flandra lingvo. Esperanta traduko de Frans SCHOOFS. Eldonejo de Belga Esperantisto — Vondelstraat 20, Antwerpen — fr. 0.50, paĝ. 40.

[1]) Tre ĝentile lia pastra Moŝto Prof-ro DOMBROVSKI rimarkigis eraron en mia antaŭa bibliografio (5). Lia Moŝto *ne* estas aŭtoro de la citita litova-esp. gramatiko. Li nur trarigardadis la lernolibron dum la presado kaj almetis litovan antaŭparolon. La vera aŭtoro estas juna litova esperantisto: Sinjoro S. TIJUNAITIS. Mi tre dankas Prof-ron DOMBROVSKI, kiu ebligas al mi, apliki la internacian principon: *suum cuique.*

La tuta mondo legas volonte tiun-ĉi emociigan rakonton de nia flandra mondliteraturisto.

10. Milka POGAĈIĈ. *Konfeso.* Kun la permeso de l' aŭtorino el la Kroata lingvo tradukis Antoija JOZIĈIĈ. Prezo: Sm. 0.500. Propra eldono. Kostajnica (Kroatujo) 1913, paĝ. 93.

Kuracisto perforte volas konfesi ĉe sia filo. Li konfesas, ke per sia maljusta ĵaluzo, la amo elflugis sian familion; ke li ne malhelpis, kiam la patrino, entranĉante veziketon per nepurigita tranĉileto, ŝian belan vizaĝon por ĉiam malbonformigis; ke li forvojaĝis malfeliĉe, kaj serĉis konsolojn de fremdaj virinoj. K. t. p. Multaj legintoj aprobos, ke konfeso estu prefere sekreta; ne publika; nek al siaj filoj, sed al Dio kaj al ties loktenanto. Tiam certege oni ne faros novajn skandalojn.

11. *L'Esperanto méthodique.* Cours complet par L. C. DESLAURIER, professeur diplomé d'Esperanto. — 105 paĝa prix fr. 1.25.

La ĉi-tiea metodo jam longe kaj sukcese estas aplikata en multaj privataj kursoj. Do, libro de eksperimentulo. Nur por franculoj; sed por tiuj-ĉi ĝi estas, versajne, perfekta. Almenaŭ, la elparolado por la suda francujo estas aparte aldonata.

12. *Gvidlibro tra Graz.* Sub aŭspicoj de Landesverband für Fremdenverkehr in Steiermark. Oficejo: Graz, Wielandgasse 42. prezo: 20 sd. Graz. 1913.

Jen, nova dokumento por la utileco de Esperanto al turismo kaj komerco.

13. *Laborista Klaso kaj Socialismo.* — Marcel CACHIN, Membro de la Pariza Urbestraro; prezo: Sm. 0.10 Paris, Rue de Bretagne 49, 1912.

Laŭ la aŭtoro la tuta burĝara societo — ankaŭ la franca kaj la amerika — estas ŝtelistanaro!

Bedaŭrinda simptomo de profunda putriĝeco: urbestranoj, eĉ urbestro, kiuj incitas la laboristojn al la revolucio!

14. *Patrico.* M. WOLFF. Prezo: sm. 0.50. 1913. Hachette & Co.

Jen kvarakta socia dramo, ludata la unuan fojon en esperanto, la 26-an de Aŭgusto en Bern, okaze de la Naŭa Kongreso. Ĝia lingvo estas ekzempla, vere juvela. Kvamkam ĝia morala celo estas laŭdinda, tamen kelkaj decidoj kaj aksiomoj tro ribeladas kontraŭ la kristana moralo; tiel ke Katolikoj ne volos aŭ povos tutkore aplaŭdi la tutan dramon.

Uden (Nederlando.) H. LINNEBANK.

# Katolika Vivo Ĉiulanda.

## TRA LA MONDO.

Januaro (daŭrigo).

**Romo.** *La posteuloj de Rampolla.* Anstataŭ la mortinta kardinal-eksŝtatsekretario M-sro RAMPOLLA, la papo nomis kardinalon FERRATA kiel sekretarion de l' s. Oficoj, kard. BISLETI, kiel estron de l' kavaliroj de Malto, kaj kard. CASETTA, kiel bibliotekiston de l' Eklezio.

*La konsekrigo de l' Konstanten-baziliko* apud la *Ponte Milvio.* okazis laŭ la deziro de l' papo la 30 de decembro. La nova preĝejo estas dediĉita al la S. Kruco, kiu helpis Konstantenon venki je tiu loko lian malamikon, kaj rezultigis la liberecon de nia kara Patrino, la Eklezio.

*La ĉefpastro de l' S. Petro-baziliko* fariĝis post morto de RAMPOLLA la nova ŝtatsekretario MERRY DEL VAL.

*Germanaj junuloj antaŭ la papo.* La 6-an de januaro la papo akceptis la reverencegon de l' germanaj submajstroj, kiuj ĉijare ĉeestis tre multnombre (120). Post la aŭdienco la Papo benis la piajn KOLPING-filojn.

**Ameriko.** — *Serra-tago en Kalifornio.* La 24-an de novembro festis Kalifornio la 200-an datrevedon de l' naskiĝtago de la Franciskana patro P. SERRA, kiu la unua predikis la Evangelion sur la bordoj de l' Granda Oceano. La registo S-ro JOHNSON ordonis, ke tiu datreveno estu ŝtata festtago porĉiam en Kalifornio, sub titolo: *Serra-day.* La publika rekono de l' Eklezio sentigas al ni ĝojon.

*Katolikaj lernejoj en Nov-Jorko.* Dum la pasinta jaro fondiĝis en Nov-Jorko 11 da novaj katolikaj lernejoj. La vizitantaro de l' katolikaj lernejoj estas pli ol 152.000.

**Balkano.** — *Konstanten-jubileo en Sofio.* La mezon de decembro okazis belega jubilea festo en la katolika katedralo de Sofia. La ĉefepiskopo M-sro MENINI raportis en sia jubilea parolado, ke *45.000 da makedonbulgaroj prezentis skribitan peton al li, ke ili dezirus unuiĝi kun la Katolika Eklezio.* — Ĉiuj katolikoj preĝadu fervorege !

*La katolika Eklezio en Serbujo.* Serbujo intencas fari konkordaton kun Romo rilate al la ekleziaj aferoj. Laŭ serbaj fontoj la interkonsento farita estas. *La eklezia lingvo de l' katolikaj serboj estos la glagoliko* (malnosvlavo) per kiu Serbujo esperas konservigi la nacian senton en la serboj ankaŭ ekster la limoj de Serbujo. Tion esprimis la vatikana delegito S-ro MIKAJLOVIĈ, kiu diris la jenajn :

„La privilegio uzi la malnovslavan lingvon en la liturgio estas tute ne grava por la serboj katolikaj en Serbujo, kiuj troviĝas entute 80.000, sed pli grava ĝi estas rilate al la katolikoj serbaj ekster la limoj de Serbujo, kiuj troviĝas pli ol 5 milionoj." Ke la S. Seĝo donis la privilegion uzi malnovslavan lingvon anstataŭ la latina, ne estas la unua kazo. Antaŭ jardekoj ĝi estis uzata ankaŭ en Dalmatujo, Kroatujo ktp. provincoj de Aŭstrio kaj Hungarujo.

**Belgujo.** — *Oni forpelas la monoĥinojn.* La urba senato de Antwerpen, akceptinte la proponon de la socialisto TERWAGNE, decidis, ke ĉiuj monaĥinoj, kiuj funkciadis en malsanul-flegejoj, devas forlasi tiujn ejojn antaŭ la fino de l' 1915 jaro. La katolika senatano S-ro BONGERS rememorigis la proponfarinton, ke antaŭ unu jaro ankaŭ lia edzino estis flegita de monaĥinoj en katolika kuracejo. Tial la socialistaro krudele insultis la katolikojn. La centjaroj de l' martiroj pasis antaŭ 1600 jaroj, nun, ŝajnas, komenciĝos la centjaroj de l' konfesoroj. Se nur tiuj-ĉi troviĝus same multnombre, kiel tiuj !

*Imperiestra donaco. Vilhelmo,* la germana imperiestro donacis 10.000 markojn (± 4890 Sm.) al la katolikaj germanoj en Bruselo loĝantaj, por konstruigi novan templon.

**Francujo.** — *Episkopoj kontraŭ la „Tango."* Kontraŭ la nova kaj malmorala danco, la t. n. „tango" la episkopoj de Francujo eldonis energian ordonon de malpermeso. Estus dezirinde, ke ĉiuj pastroj energie kontraŭbatalu ĝin.

*Lupo inter ŝafoj de Kristo.* P. LEMIRE, ano de l' franca kamero en sia radikal-katolika politika agado ne tro konsentis la interesojn de l' Eklezio, kaj spite la malpermeso de l' episkopo li balotigis sin kiel parlamenta delegito. Nun episkopo de LILLE, M-sro CHAROST malpermesis al siaj regatoj legi la gazeton *„Cri de Flandre"* kaj

sciigis al P. LEMIRE, ke li estos ekskomunikata, se li solene ne delasos ĝisnunan politikan direkton, kaj ne forlasos la diritan gazeton kaj ne abdikos esti parlamentdelegíto. Laŭaserte P. LEMIRE ne faris tion, kaj la franca kamero elektis lin, kiel vicprezidanton por premii lin, kiu estas pastro „non pro Jesu, sed pro esu."

*Eduko senreligia.* Paŭlo FOURISSON, 17 jara laboristo, estis kondamnita de la juĝistaro per vivdaŭra deporto en *Gujane.* FOURISSON estis tute senreligie edukita, nur en la arestejo li ekkonis Dion kaj ties ordonojn. Post kelksemajna sinpreparo la 21-an de decembro li prenis la S. Korpon de Kristo fervore kaj pie. La malfrue rekonita religio eble plifaciligos por li suferi la pezegan punon, sed multe pli bone estus, se la animfortiga s. Korpo estus konita de li de post sia infana aĝo. Eble li ne devus nun fari sian funebran vojaĝon por esti vivdaŭre punita en Gujane. La senreligiaj edukintoj estas pli krimuloj ol la kondamnito.

**Granda Britujo.** — *Eminentulinoj fariĝis monakinoj.* Katarino EMARY, belega kaj bonedukita junulino, estis komizino en iu modsalono de *Eastbourne.* ĝis fine en 1896 lordo LYVEDEN edzinigis ŝin al si mem. La 76 jaraĝa lordo mortis post 4 joroj. LADY LYVEDEN ĝisnun vivis silente en sia bieno, sed antaŭ kelkaj semajnoj ŝi fariĝis monaĥino en *Edinburgh,* en la monaĥinejo de *Klarisoj*, kaj siajn grandegojn bienojn donacis al ĉi tiuj. La anglaj gazetoj skribis, ke dum la lastaj jaroj prenis la monaĥinajn vualojn multaj eminentulinoj i. a. du fratinoj de l' princo de *Norfolk,* unu karmelita, la alia mizerikorda. La fratinoj de Lordo HERRIS estas ankaŭ monaĥinoj, same ankaŭ tri fratinoj de Lordo PETRE. Fiere diras, ke ili havas monaĥinan fratinon ankaŭ lordoj CLIFFORD OF CHUDLEIGH, FRENCH, DORMER, ARUNDEL OF WARDOUR, ALBEMARLE kaj DENBIGH. Monaĥinoj estas la filinoj de l' lordoj EARL OF ASHBURTON, NEWBURY, EARL OF ABINGDON, Du filinoj de l' mortinta lordo RUSSEL OF MILLOWEN troviĝas el la monaĥinejo *Mayfield.* Inter la monaĥinoj loĝantaj sur la insulo *Wright* troviĝas ankaŭ la vidvino de l' *braganza* princo.

**Germanujo.** — *Berlino kontraŭ la frivolaj artaĵoj.* La ĉefprokuristo de *Berlin* komencis kriminalproceson kontra iu librovendisto, kiu vendis la reproduktaĵojn de artaj frivolaĵoj, ekz. *Rubens*: Helene Fourment. *Tizian:* Venus, *Giorgione*: Dormanta Venus ktp. La mortivigo diras, ke tiuj reproduktaĵoj, kvankam artaj, ofendas per sensaj rilatoj la hontemon kaj moralan senton de ĉiuj normale sentantaj homoj. — Jes, frivolaĵo restas frivolaĵo, eĉ se Tizian pentis ĝin. La bona moralo estas pli ol ĉiuj artistoj de l' mondo!

*La germana katolika tago* ĉi-ĵare okazos dum aŭgusto en *Münster*. Tiu-ĉi kongreso estos la 61a.

*Religia vivo en Germanujo.* La protestanta pastraro plendas, ke jaro post jaro malpli multe da homoj prenas la dian vespermanĝon. De post 1903 la nombro de tiuj pli malaltiĝis de 30 ĝis 28 % en *Brandenburg*, ĝis 15 % en *Berlin*, kaj 23 % apud la *Rejno*. Kontraŭe en la katolika eparĥio *Trier*, kie la katolika loĝantaro faras 13 milonojn, en 1905-jaro prenis la S. Korpon de Jezuo 5 milionoj, kaj en 1912 jam 12 milionoj da homoj. Ĉu ne vera pruvo la fakto estas, ke nur la Eklezio povas sukcese kontraŭbatali la agojn de senmorala socialistaro?

*Senreligia instruado.* La distrikta registaro de *Pfalz* permesis, ke la religia instruado estu anstataŭigita de senreligia moralinstruado. La permeso kaŭzis grandan maltrankvilon inter la fidelaj katolikoj.

**Hungarujo.** — *Konstanten-Jubileo de la ĉefuniversitato en Budapest.* La reĝa ĉefuniversitato en *Budapest* donacis, okaze de la Konstanten-Jubileo, doktorajn honordiplomojn al pluraj episkopoj de Hŭngarujo. Ĝis nun la diplomoj estis solene prezentitaj al M-sro Johano CSERNOCH, dukprimato de Hungarujo, al Ludoviko SZMRECSÁNYI, ĉefepiskopo de *Eger*, kaj al M-sro Otokaro PROHÁSZKA, episkopo de *Székesfejrvár*.

*Grava batalado inter la katolikismo kaj skizmo.* De post kelkaj jaroj en Hungarujo okazas grava interbatalado inter la katolika *ruthena*, kaj la skizmiĝinta *rusa* eklezioj. Por prepari la panslavan politikon subtenatan de Rusujo, kelkaj nekontentuloj propagandis la rusan *pravoslavion* (ortodoksismon) en la nord-orientaj departamentoj de Hungarujo (en dep: *Máramaros, Bereg* kaj *Ung*). Vere, per mono ili povis aĉeti kelkajn animojn por si, kaj en *Iza* kaj en aliaj vilaĝoj multe da grekokatolikaj ruthenoj fariĝis skismiĝintoj. Tuj, ke la pravoslavismo metis sian piedon sur hungaran teron, la estroj komencis agadon kontraŭ la hungaroj, kaj prepari la vojon de l' celita Al-rusuja movado. Fine la korifeoj estis arestitaj de la hungaraj ĝendarmoj. Okaze de la ekzameno de l' domoj estis trovitaj amasegoj da libroj kaj broŝuroj kontraŭ la hungara reĝo kaj la unuiĝinta Eklezio kaj ties pastraro. La 30-an de decembro kunsidis en *Máramorossziget* la speciale delegita *Debrecen*-a ĉefjuĝistaro, kiu prijuĝos la aferon. La kulpigitoj, la ekshakisto, nun rusa monaĥo: Aleksio KABALYUK, kun 180 aliaj, simplaj vilaĝanoj, ricevos punon laŭmeritan. La proceso ankoraŭ hodiaŭ (la 22 jan.) ne estas finita. Mi promesas doni plidetalan priskribon pri la interesinda proceso tuj post la prijuĝo.

*La armeno-katolikoj en Hungarujo.* Estas konata fakto, ke en Hungarujo fondiĝis nova eparĥio por la grekokatolikaj hungaroj. La 5-an de oktobro jam estis konsakrigita la unua episkopo de la nova eparĥio, M-sro Stefans MIKLOSY. Tuj, kiam la nova eparĥio komencis sian memstaran funkciadon, movis sin la katolikaj armenoj en Hungarujo, por ke iliaj paroĥoj estu aligitaj al la nova *Hajdudorog*-a eparĥio. En Hungarujo troviĝas 30-35 vilaĝoj, kiuj estas loĝataj de katolikaj armenoj, kiuj jam perdis sian naciecon, sed konservis sian riton. Tiuj-ĉi vilaĝoj apartenas al la *Erdély*-a (Transilvanuja) latina eparĥio. Sed la spirita administrado estas tre malfacila, ĉar la latina episkopo de Transilvanujo ne povas iun pastrigi laŭ orienta rito, kaj konsakrigi la sanktajn oleojn. Ĝis nun la ĉefabato de l' *Meĥitaranoj* en *Vieno* anstataŭis la latinan episkopon en tiuj funkcioj. Tiel same, estis malfaciligita ankaŭ la pastro-edukado, ĉar la armenaj-pastrokandidatoj devis iri eksterlanden por ellerni sian riton. Tial movis sin la armenoj, ke la papo aldonu ilin al la orientrita eparĥio *Hajdudorog*, por ke ilia spirita provizado povu pli facile okazi.

*Blanka teatro.* D-ro Otokaro PROHARZKA, episkopo de *Székesfejérvar*, komencis gravan movadon por starigi novan teatron, kie oni prezentos nur tiujn teatraĵojn, kiu ne estas kontraŭ la kredo kaj moralprincipoj de l' katolikismo. La ĵurnaloj mokas lin, sed la movado — plilarĝiĝas.

**Nederlando.** — *Dekjara jubileo de la Katolika Sociala Agado.* La mezon de januaro festis Nederlando la dekjaran ekzistadon de l' Katolika Sociala Agado. M-sro VAN DE WETERING, ĉefepiskopo, kantis solenan meson en la katedrala de *Utrecht*. Post la meso okazis jubilea kunveno, en kiu la prezidanto D-ro W. BOGAART raporton legis pri la agado de l' ligo, kiu havas pli ol 100.000 da membroj, kaj havas gravan rolon en la publika vivo. Ĝia ĉefceloj estas: interpacigi la socian vivon malpacigitan de la liberalismo kaj materialismo, — propagandi la katolikajn ideojn, la fratecon kaj veramon. La ĉeestintaro tutkore ovaciis la gvidanton de l' katolikaro M-sron WETERING, kaj la direktoron de l' ligo: S-ron AALBERSE, kiu ricevis de l' papo la ordenon de S. Gregorio. La reĝino gratulis la jubileon telegrafe.

**Rusujo.** — *Internaj krizoj de la rusa ŝtateklezio.* En la rusa ŝtateklezio pli kaj pli kreskiĝas la sektoj diversaj. Mem la ĉefsanktejo, la monaĥejo sur Monto ATHOS, estas flegejo de l' malsamaj herezoj. Antaŭ nelonge la *malnovkreduloj* havis sinodon en *Moskvo*, kiu atestis la grandan progreson de tiu sekto. Kvankam tiuj-ĉi teruraj kontraŭuloj de la ŝtatreligio suferas la plej grandan

persekuton jam de post la mezo de l' XVII-a jarcento. Krom la prezidinta ĉefepiskopo de *Moskvo*, Johano, ĉeestis 12 episkopoj malnovkredaj. Cetere ili havas en Rusujo 1 ĉefepiskopon kaj 16 da episkopoj, dume la katolikoj havas 2 ĉefepiskopojn, kaj 10 episkopojn. La malnovkreduloj disfalis en 5 diversaj sektoj, el kiuj du sektoj instruas, ke la rusa eklezio perdis la gracon de l' pastreco, ĉar ili submetis sin al la cara potenco. Ke tiuj sektoj povas vivi sen financapogo de l' ŝtato eĉ malgraŭ diversaj persekutoj, tiu fakto pruvas, ke la rusoj tre ŝatas la ideon de l' sendependa eklezio. Ankaŭ perforte oni batalas kontraŭ la katolika Eklezio. Precipe en Litvanujo oni maltrankviligas la katolikajn pastrojn per oftegaj domekzamenoj. Sufiĉas trovi unu libron neaprobitan de la registaro, por ke la posedinto ricevu pezegan punon. La policanoj trovas pli kaj pli novajn okazojn por puni la katolikajn pastrojn. Ĉio tio ĉi montras, ke la skizmiĝintaro devas perforte defendi sin, ĉar senenhavaj siaj ujoj ne havas plu la glavojn de l' spirito.

***

**Grava alvoko.** — *Preĝadu por la reunuiĝo.* La laboristina Mario-kongregacio en *Izerencs* (Hungarujo) komencis la belan kutimon, ke en ĉiu semajna kunsido okazu preĝo por la reunuiĝo de l' orienta elklezio sub la gvidado de l' Petro-apostola Seĝo. La kongregacio petas ĉiujn anojn de aliaj kongregacioj, proponu en iu kunsido, ke ankaŭ aliaj kongregacioj faru simile. La konvenajn preĝojn en Esperanta traduko la *Szerencsa Kongregacio por Grekoritaj Katolikaj Laboristinoj* sendos al ĉiu petanto. Samtempe la kongregacio petas, ke ĉiu proponinto la petitajn aferojn sciigu la sukcecon aŭ nesukceson per poŝtkarto al M-sro Johano Bányay, kanoniko, kongregacia ĉefprezidanto, *Szerencs* (Hungarujo).

***

Februaro.

**Romo.** — *La bonfarto de la S. Patro,* La itala ĵurnalo „Tribuna" anoncis, ke Lia S. Moŝto havis gravan malsanon. Malbedaŭrinde, la famo ne pravis. Ĝi estis bazita sur la fakto, ke la S. Patro, laŭ la konsiloj de l' kuracistoj, ne donis ĝeneralajn aŭdiencojn dum la rigidaj vintrotagoj, kaj la kutima soleneco okaze de *Purificatio B. M. V.* estis nepublika. Cetere la S. Patro fartas tre bone je l' ĝojo de ĉiuj fidelaj katolikoj.

*Maŭrice Maeterlinck estas verkisto malpermesita.* La S. kongregacio de l' Indekso enregistris ĉiujn verkojn de Maeterlinck en la liston de malaprobitaj libroj. Laŭopinie la lasta libro „La Morto" kaŭzis la publikan malaprobon, ĉar ĝi enhavas tute malajn doktrinojn pri la homa animo, ol la katolika religio.

**Azio.** — *Nova martiro.* La bando „Blanka Lupo" atakis la jezuitan misiejon en LANANCHOW (Ĥino) kaj mortigis unu el la misiistoj.

*La ĥina respubliko kaj la katolikismo.* La vic-prezidanto de la ĥina respubliko, S-ro LI-HUNG-KUNG, skribis leteron al la ĝenerala estro de la Franciskanoj: P. Pacifiko MANZA, kaj laŭdas la agadon de misiistoj: „La katolika religio venis en Ĥinon jam antaŭ multaj jarcentoj, kaj ĝia benoriĉa influo estis profunde enradikiĝinta en la korojn de l' popolo. Ĉar nun la respubliko estas konstruiĝinta ..... por sukcese regadi super la 5 rasoj per unika civila leĝolibro, *oni nepre bezonas la katolikan religion,* kiu progresigas nin en kulturo kaj virtoj." — Ĉu okcidentaj registaroj ne ruĝiĝas?

*(Daŭrigota).* KOZMA.

---

## Komuniko de la Administracio.

Pro eraro de la provizora administracio de la Anonima Akcia Societo „Espero Katolika", kelkaj abonantoj eble ne ankoraŭ ricevis la Januarajn kaj la Februarajn numerojn de E. K. Ne sciante pli bone ĝi sendis al la diversaj abonejoj ĉiujn ekzemplerojn por ĉiuj personoj, kiuj abonis E. K. pere de ili. Escepte al tiuj abonejoj, kie estis notita: numeroj forsendotaj rekte de E. K. Personoj, kiuj ne ankoraŭ ricevis la diritajn ekzemplerojn estas petataj sin turni al la abonejo pere de kiu ili abonas E. K. Por forgesi neniun, sur la paĝoj [1]) de la kovrilo ĉiuj abonejoj estas presitaj, al kiuj la provizora Administracio erare sendis la ekzemplerojn. Ĝi esperas, ke post ĉi tiu publika konfeso de ĝia kulpo, ĉiuj, abonantoj same kiel abonejoj, estos indulgemaj kaj bonvolos inter si aranĝi ĉi tiun malagrablan aferon. La provizora Administracio tutkore dankas tiujn abonejojn, kiuj tuj atentigis ĝin pri ĝia eraro kaj jam bonvole forsendis la ekzemplerojn al iliaj abonantoj:

[1]) **Vidu paĝojn IV, V, VI, VII kaj VIII de la kovrilo.** ☛

---